# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka), de „Internacia Katolika Esperanto Oficejo" (IKEO) kaj de „Blanka Kruco" (Internacia misio katolika)




**Numero 6/7, 1923/24** | **Graz, Aŭstrio** | **Oktobro-Novembro** | **III. Kolekto 1923/24**


# La nuna ĉeftasko internacia katolika.

## Forta iniciato de Don Ernesto Vercesi, Milano.

La nuna homaro troviĝas en internacia ĥaoso kaj anarĥio. Neniu forta leĝo ordigas la rilatojn inter la modernaj ŝtatoj, neniu internacia ŝtatorganizaĵo forte direktas laŭleĝe la komunajn aferojn de la naciaro. Anarkio tamen estas ĉiam la fonto de la kruela perforto: la pliforta, la pli armigita ŝtato realigas sian volon, sen respekti, ĉu ĝi estas konforma al la natura kaj kristana moralo. Do la sanga glado, la kanonoj, kreas la ordon, ne la leĝo kaj la moralo. Depost la dissolviĝo de la mezopoka imperio tuteŭropa, kiu almenaŭ ideale alceladis laŭleĝan ordon inter la kristanaj ŝtatoj, rekonante la imperiestron kiel mondan, la papon kiel moralan aŭtoritaton de la kristanaro okcidenta, depost tiu periodo la nacionalismo nove naskiĝinta el la idolano antikroma juro, kreis la internacian anarkion, kies fundamenta principo hereza diras, ke la ŝtato estas tute suverena, kaj super si mem ne devas rekoni iun alian aŭtoritaton. Sendube tiu anarkio estas malmorala kaj la principo de absoluta suvereneco de la ŝtato, praktikata hodiaŭ per ĉiuj modernaj ŝtatoj, estas kontraŭkrista kaj hereza. Ĉar super la aparta ŝtato kaj nacio estas la homaro, al kiu ĉiu nacio havas devojn, kiel ĉiu naciano havas devojn kontraŭ sia ŝtato! Sendube tiu anarkio estas senfina fonto de nenombreblaj maljustaĵoj, perfortaĵoj, militoj, revolucioj, pekoj individuaj kaj sociaj.

Do se ni volas savi la homaron — kaj tio estas certe precipa devo de la katolikaro — se ni volas, ke la katolikaj principoj estu praktikataj ankaŭ en la kunvivo de la naciaro — ĉar estas ja Dia ordono realigi la Regnon de Kristo en ĉiuj rilatoj —, sendube estas unua kaj ĉefa tasko nuna de la katolikaro, ekpreni fortan, grandaniman iniciaton, por forigi la internacian anarkion per internacia juro kaj internacia laŭleĝa organizo de la nacioj laŭ la esprimaj ordonoj de la gloraj papoj Benedikto XV[a] kaj Pio XI[a].

Bazante sur tiu fundamenta vidpunkto, nia kara kunprezidanto Don Ernesto Vercesi dum la kongreso de Konstanz ekprenis la iniciaton por denove klare, precise, kaj forte montri al ni tiun vere urĝan, vere noblan, vere entuziasmigan ĉeftaskon internacian. Rezumante ni citas jenon el sia admirinda alparolado:

Jam antaŭ la milito ni vidas noblajn klopodojn por krei internacian kunlaboradon de la katolikaro kun la ideala tasko realigi la katolikajn principojn ankaŭ en la internacia kunvivo de la popoloj, ekzemple la admirinda movado de la franca pacamiko S[ro] Vanderpool. Same ankaŭ dum la milito ekstaris pluraj tiucelaj iniciatoj ekzemple la Unio de Fribourg. Post la venko de la ententŝtatoj ni vidas pli grandan nombron de la internaciaj movadoj kristanaj aŭ katolikaj, ekzemple tiu de Don Sturzo, de Marc Sangnier ktp. Sed preskaŭ ciuj tiudirektaj klopodoj estis tro politikaj. La politiko hodiaŭ ne ankoraŭ povas esti **bazo** de la internacia katolika kunlaborado, ĉar ekzistas tro multe da internaj kaj eksteraj diferencoj.

Nur la roma, la katolika paco povas nin unuigi. Romo parolis. Ni katolikoj ĝin nur ne aŭdis.

La situacio hodiaŭ estas simila al la periodo de la granda papo Leo XIII[a], kiam la grandaj sociaj problemoj devis esti salvotaj laŭ la katolikaj principoj. Ankaŭ tiam ekzistis multaj bataladoj inter la katolikoj, multaj eraraj opinioj, multaj diferencoj. Tiam por la katolika socia renovigo estis precipe necesa, trovi la vere katolikajn principoin de la socia kunvivo inter la individuoj kaj klasoj. Ankaŭ tiam estis necesaj diligentaj antaŭlaboroj. De Mun kaj episkopo Ketteler estis la grandaj pioniroj kaj internaciaj kunvenoj de Fribourg (réunions de Fribourg) efikis utilegan preparan laboron. Kvazaŭ kiel frukto de tiuj antaŭlaboroj aperis tiam la glora encikliko „Rerum Novarum". Kaj ni vidas, ke nur la roma, la papa doktrino sociala vere estas realigebla kaj sukcesa.

Hodiaŭ la situacio estas tute simila koncerne la internacian kunvivon (ne plu de individuoj kaj klasoj) de la popoloj. Ni vivas en la periodo de la internaciaj konfliktoj kaj por nia generacio la kristana solvo estas ĉeftasko. Ankaŭ sur tiu teritorio ekzistas multaj eraroj, multaj diferencaj opinioj. Pro tio ni unue devas serĉi la vere katolikajn principojn pri la internacia juro kaj kunvivo, pri milito kaj paco ktp. Ni ne devas ĉerpi nian opinion el la liberalaj kaj modernaj teorioj. Nia devizo devas esti: reen al la vere katolika doktrino, reen al la grandaj doktoroj katolikaj de la kristana popoljuro, reen al la glora katolika tradicio! Ni devas pretigi al ni vere katolikajn armilojn por la granda spirita interbatalo venonta.

Oni povas atendi, ke tiuj demandoj estos traktataj dum la remalfermota Vatikana Koncilio. Nia devo nun estas realigi la antaŭ-

# Kiel la kara Dio la malgrandan Engelberton gardis kaj pli poste sin lasis gardi de la granda Engelberto.

Stranga kokvirhistorio originale verkita de Josefo Mockenhaupt.

(Daŭrigo.)

La malgranda Engelberto unufoje sonorigis kaj tiam ili forlasis la preĝejon. Malsupren ili iris en la vilaĝon kaj precize ĉe ĉiu deka paŝo, kiun Engelberto faris, li laŭtigis arĝentklare la sonorileton. La homoj venis el la domoj donis honoron al Dio kaj diris, kiam la du estis preteririntaj.

„Ili iras en la filion. La maljuna Baŭŝerto havas la ftizon kaj estas tre malsana. Li ricevos la sanktan komunion kiel vojmanĝaĵon por la lasta vojo."

Post la lasta domo la vojo multe supreniĝis. La pastro iris malrapide, kaj Engelberto ĉesis sonorigi. La aero estis sufokiga. Jam kelkfoje la parokestro alvokis al sia malgranda akompanulo: „ne tiel rapide, Engelberto!" haltiĝis kaj forviŝis la ŝviton, kiu en klaraj gutoj perlis de lia frunto. Sed ankaŭ la junulo estis ĝoja, kiam ili fine venis en la altan arbaron, kiu sub grandegaj fagoj donis iom da malvarmigo al la filio. La kamparo kuŝis sensona, la birdoj silentis. Eble ankaŭ al ili estas tro varme, pensis Engelberto, eble ili ankaŭ silentas pro pieco, kiel la homoj, kiam la Savinto pasas. Kaj plue supreniĝis la malglata vojo, ĝis kiam fine la altaĵo estis atingata, kie la eriko floregis senfine, vaste, kaj la genisto inter plektaĵoj da prunelujoj, kaj morusujo fieriĝis per sia oro por kovri sian veran malriĉeron. Ĉar estis ĝuste malantaŭ la festo de la Sakramento, kaj ĝi ankoraŭ havis sian festveston. Cent da griloj violonis en la musko, mil da abeloj zumis kanteton kaj dikaj burdoj murmuregis en la erikejo, tra la malvigla aero, kiu estis peza kaj dolĉa pro mielo. Sub la griza ĉielo luliĝis akcipitro, flugis siajn vastajn rondojn, kaj miregis, ke la pastro kaj sia ministro en blankaj vestoj je hela tago portas lumeton tra la altaĵo. Ĉar la akcipitro estis fripono, sen amo al la eklezio. Tial li nur havis tre malklaran komprenon pri Sakramentiro.

Sed la pastro ankoraŭ unufoje vokis mallaŭte: „Pst, Engelberto, malrapide, kaj per sia granda naztuko ĝuste volis sekigi la ŝviton de la frunto, kiam fariĝis io tre stranga, ke Engelberto apenaŭ lasis fali la malsanullanternon kaj eĉ la pastro surprizite haltis momenton."

La tuta erikejo ekbruliĝis subite en bluetblanka fajro, kiu en miriadoj da lumoj, kiom vasten povis rigardi la okulo, ŝajnis verŝata sur la arbetaĵo. De ĉiuj flankoj la okulo estis trafata de lumoj — nenio al lumoj. Mirinda, grandioza aspekto, sed same tre teruriga, kion similan Engelberto ĝis nun neniam estis vidinta en sia vivo. Nur malmultajn momentojn daŭris la blindiga scenejo — tiam, kiel magia fantomo, ĉio estis pasinta kaj malaperinta. Kio estis? — Jes, kia estis tio?

Engelberto alrigardis la pastron. Tiu nur silente donis signon, kaj porte ili daŭrigis la vojon tra la erikejo, tra la sufoka mielodoro, la senĉesaj grilkantadoj kaj la malagrablaj kularoj. Engelberto estis tre emociata en sia malgranda koro, kredis ne alie, ol ke la erikejo bruligis festfajron pro amego al la Savinto trairanta en la sankta paneto, kaj ke tio, kion li vidis, vere estis iom da brilo de la gloro eterna. Kaj li dankis al Dio, ke li ne konsumiĝis de la sankta ardo . . .

Jen, subite kun terurega krakado akreflamanta fulmo falis de la veternigra ĉielo — kaj tondraĵo, kvazaŭ unu el la kvar mondankroj estus krevinta, kaj ĉio ruiniĝus. La tero videble ektremis kaj pro timo korpulsiĝis. Kaj nun estiĝis terura fulmotondro. Krako post krako, ke al la malgranda Engelberto venis la larmoj en la okulojn pro timo kaj teruro. Estis vere, kvazaŭ la infero estus liberigata kaj volus detrui la tutan mondon kaj ĉion. Kaj kvankam nur estis posttagmezo, la nokto ŝajnis miksata kun la tago, kaj mallumo kuŝis sur la erikaĵo, tra kiun nun la silenta malsanullanterno serĉis la vojon de la alto malsupren en la filian vilaĝon.

„Rapide, pli rapide!" urĝis la pastro. „Pluvos kaj hajlado venos!" Nun la malgrandulo faris metrolongajn paŝojn en sia timo.

Post dek minutoj la domo de la maljuna Baŭŝerto estis atingita. La pastro dankis al la homfariĝinta Savinto. Dum ekstere la vetero furiozis kaj koleris, dum fulmoj kiel brultorĉoj pafiĝis el la nuboj, dum la ventego ĵetis la pluvon kontraŭ la fenestrojn kaj krakante batis la hajlerojn sur la ardezojn, la pastro preĝis kun la maljuna Baŭŝerto la mortpreĝojn . . .

Tiel Dio estis gardinta la malgrandan Engelberton.

(Daŭrigota.)

laborojn. Tial ni jam nun por la sekvonta kongreso fiksu la temojn traktotajn per fakuloj plej diverslandaj. Plue Ika' klopodu, ke la tago de la publikigo de l' encikliko „Ubi arcano Dei“, kiu estas la vera fundamento de la Ikaboro, estu internacia propaganda festtago de la katolikaro, same kiel la publikiga tago de „Rerum Novarum“ en pluraj landoj jam estas katolika propagandfesto por la socia renovigo. Estu ni vere antaŭlaborantaj pioniroj de la granda koncilio! El Romo venos al ni nova lumo!

La sekvonta proponita rezolucio, kun granda aplaŭdo estas unuanime akceptita.

**La internacia katolika ligo en sia propagando por la paco de la mondo sekvas la klarajn direktivojn de papo Benedikto XVa en lia „alvoko al la popoloj militantaj“ kaj de Pio XIa en la encikliko „Ubi arcano Dei“.**

La kongreso deziras, ke en ĉiu lando la en tiu encikliko esprimitaj principoj pri la internacia juro, patriotismo kaj homarismo kaj la reciprokaj interrilatoj inter la nacioj efike estu disvastigataj, por havi la samajn klarajn principojn pri la internacia juro, pri paco kaj milito, kiel Leo XIIIa ilin donis en la encikliko „Rerum Novarum“ rilate al la problemo de „kapitalo kaj laboro“.

Al tiu celo la internacia katolika ligo proponas, ke la tago de la publiĝo de l' encikliko „Ubi arcano Dei“ estu enkondukata kiel tago de la memoro kaj propagando de la porpacaj ideoj, kiel jam en Belgio kaj Italio la 15a de majo estas fiksata kiel memora propagandfesto de l' encikliko „Rerum Novarum“.

## Nun la praktika laboro!

La celo estas montrata per la eminenta iniciato de Don Vercesi! Klare ni vidas la grandan taskon solvotan: Per internacia organizaĵo homara forigi la nunan internacian anarkion, aŭ laŭ katolika vidpunkto esprimita: apliki, praktigi, realigi la katolikajn principojn por la internacia kunvivo de la naciaro. Vere granda, kuraĝa, vastanima iniciato kaj sentima oferema agado estas necesaj, se ni ne volas rifuziĝi je la universala misia tasko de eklezio, en ciuj rilatoj kaj en ĉiuj direktoj realigi kaj praktike apliki la principojn de la Dia regno! Malfacila tasko, longa laborplena vojo! Sed havu ni konfidon. Dum la kongreso ni ankaŭ jam komencis la praktikan solvon, kiu sin dividas en du ĉefaj taskoj: 1e serĉi la vere katolikajn principojn pri internacia kunvivo (pli teoria tasko); 2e por ĉiuj iloj la tiel fiksitajn kaj aprobotajn principojn desvastigadi en la tutmonda katolikaro kaj por praktika aplikado kunlabori plej energie en ĉiuj internaciaj aferoj kaj taskoj.

Jen por la unua tasko oni kreis la internacian komitaton por fiksi la principojn, kies afergvidantaro estas Mro Dro Nik. Pfeiffer (Hlavna ul. 34, Kaŝoviĉe, Ĉekoslovakio), Doktoro Mack, Luxembourg, seminardirektoro, kaj Don Ernesto Vercesi, Milano. Tiŭ komitato nun preparas liston de temoj traktotaj por prepari internacian sistemon de katolika doktrino pri la kunvivo de la popoloj kaj plue ĝi serĉas kunlaborantojn fakajn precipe profesorojn de la teologio, moralo, juro nacia kaj internacia. La ĉefaj temoj tiam estos pritraktotaj dum la sekvonta kongreso kaj laŭeble publikigotaj en serio de raportoj.

Por la dua tasko; la propagando de la katolikaj principoj kaj la aplikado estas nia unua celo, ke la jam ekzistantaj Ika-grupoj kaj kunlaborantoj estu veraj centroj de tiu propagando per konferencoj, elparoladoj, propaganda en gazetoj. Speciale por la aplikado praktika de la katolikaj principoj oni kreis en Konstanz la internacian konsilantaron por paco kaj repaciĝo, al kiu apartenas jam proksimume 20 membroj plej diverslandaj. Ni estonte pli detale raportos pri tiu institucio.

Jen la grandaj linioj de la estonta laboro! Ika sin senreserve kaj ĝoje disponigis en Konstanz al tiu tasko! Nun ni komencu. En la sekvonta numero aperos listo de temoj traktotaj, proponoj por naciaj konferencoj, por gazetara propagando ktp. Karaj amikoj, al kiuj Dio donis okazon, en tiom ideala maniero labori por lia regno, ne preterlasu la okazon!

Varbu por la ideo! Serĉu kunlaborantoja tiel por la teoria kiel por la praktika tasko. Mi atendos proponojn kaj adresojn!!

Kasparo Mayr.

# La 3a Internacia Katolika Kongreso en Konstanz.

## La pastrara konferenco.

Plej grandan gravecon havis la konferenco por internacia kunagado de la jam aprobitaj aŭ aprobotaj pastraj unuiĝoj diecesaj aŭ landaj, kunvokata laŭ la altanima iniciato de Mro Nazareno Orlandi, Siena, vicprezidanto bonmeritinta de la tutitala pastra asocio. La konferencon ĉeestis eble 30 reprezentantoj el plej diversaj eŭropaj ŝtatoj kaj lia episkopa moŝto Mro Fischer-Colbrie agade partoprenis je la plej interesaj traktadoj.

Unue la ĉeestantaj pastroj raportis pri la ekzistantaj pastraj organizoj en siaj diecesoj, privincoj aŭ landoj kaj prezentis proponojn por vere internacia kunagado. Por Hispanio raportis Kanoniko Mro Garcia Hughes, prezidanto de la tuthispana pastra organizo „defendo de la pastraro“, por Ĉehoslovakio Prof. L. Zamykal, redaktoro Brno, el Polio Prof. Czieszynski, Poznàn, por Bavario ĉefdirektoro de la bavara organizo Kunz, Regensburg, el Francio Prof. Pelletier, Aŭtun, por Italio Mro Orlandi, kiu alvenis lunde, por Württemberg Prof. Schimmel ktp. Aliaj organizoj kiel la jugoslava kaj la aŭstra letere sendis siajn kunsentojn. Laŭ la oficiala raporto de la komisiaj kunsidoj, prezentata per Prof. Ehrenfeld oni unuanime decidis krei tutmondan kunligon de ĉiuj aprobitaj pastraj unuiĝoj kun jenaj ĉeftaskoj:

1. Reciproka interkonatiĝo kaj informado; al tiu celo oni kiel eble plej baldaŭ volas krei internacian sekretariejon; intertempe la hispana ligo, Madrid, Apartado 527 guidas la aferojn sub direktado de Mro Kanoniko Hughes.
2. Reciproka subteno por defendo de la pastraro kontraŭ kalumnioj; por la prizorganima helpo precipe por elmigrantuloj; por karitaj agadoj tempe de speciala mizero en iu lando aŭ provinco; por interŝanĝo de libroj kaj aliaj porpastraj komerĉaĵoj; fondado kaj subteno de specialaj porpastraj hejmoj ktp.
3. Interŝanĝo de teologiaj studentoj kaj pastroj por pli bone ekkoni la aliajn naciojn.
4. Reciproka subteno por la propagando pri novkreo de pastraj organizoj en landoj, kie tiuj ne ekzistas.

Tiu komenco de internacia kunhelpo de la pastroj estas certe la plej salutinda iniciato de la esaj. Krom tio li publikigis grandan nombron de traktadoj teologiaj aŭ sociale-karitaj en diverslingvaj revuoj.



# Mrso Aŭgustino Fischer-Colbrie episkopo de Kaŝoviĉe, Ĉehoslovakio.

**Por la memoro de lia 60a naskiĝofesto.*)**

Mro A. Fischer-Colbrie naskiĝis je la 16a de oktobro 1863 en Zselliz (tiam apartenanta al Hungario, nun al Ĉehoslovakio). Siajn teologiajn studadojn li plenumis en la famkonata hungara kolegio „Pazmaneum“, plue en la altgrada pastra instituto de Sankta Aŭgustino en Wien kaj tie li atingis la doktorecon de la teologio kun plej alta laŭdo „sub aŭspiciis imperatoris“. En la jaro 1866 li pastriĝis.

Post mallonga animzorga laboro ĉe la internurba parokejo de Budapest, li venis en la episkopejon de kardinalo-princprimato kaj arkepiskopo de Gran, Mro Joh. Simor. 1890 ĝis 1900 li estis rektoro de la pastra instituto de Sankta Aŭgustino en Wien, samtempe imperiestra kurtegkaplano kaj edukanto de la filino de mortinta kronprinco Rudolfo. En la jaro 1900 li estiĝis metropolitkapitlano en Gran kaj 1903—1905 samtempe rektoro de la hungara kolegio „Pazmaneum“ en Wien. Dum la tuta tempo de sia restado en Wien li plej agade partoprenis je la religia, socia, kaj scienca renoviga laboro.

La 18an de marto 1908 li estis konsekrata kiel titularepiskopo de Domitiopolis kaj governis komence kiel koadjutoro, poste kial apostola administratoro kaj fine kiel episkopo dieceson de Kaŝoviĉe. Depost kiam li estiĝis memstara episkopo, li persone parolis en pli ol 600 predikoj. Plue li aranĝigis, parte per pastroj, parte per monakoj pli ol 150 popolmisiojn. Kiel la unua episkopo li enkondukis en la Slovakio la kongregacion de la plej sankta Savinto (redemptoristoj), al kiuj li donacis monakejon en Stropko.

Plue li fondis aŭ fondigis grandan nombron de religiaj, sociaj kaj kulturaj unuiĝoj ekzemple kongregaciojn por ĉiuj profesioj kaj seksoj, rondon por akadamianoj, kristano-socialajn laborunuiĝojn, de kiuj hodiaŭ estas 17 kristanaj sindikatoj diverspecaj en la orienta Slovakio. Speciale li zorgis por la malzorgita junularo kaj fondis specialajn hejmojn por knaboj kaj knabinoj. Laŭ sia iniciato plue oni kreis societon, kiu regajnas la falintajn gejunulojn, vizitas la arestulojn ktp.... Kastelon grandan, donacita al li, li tuj transdonis kun la tuta havaĵo al la novkreita hungara „sociala misia societo“. Je la fino de la milito li aĉetis per sia propra ŝparita mono grandan domon por tie prepari al la disciploj de la instruista seminario hejmon kaj religian edukon. Malfeliĉe tiu instituto pro malfavoraj cirkonstancoj ne povas plenumi sian taskon.

Kiel unua slovaka episkopo Mro Fischer-Colbrie enkondukis en sia pastro seminario la kvinjaran teologian kurson anstataŭ la ĝisnuna kvarjara. Ĉe ĉiuj ekzamenoj li ne nur persone ĉeestas, sed eĉ mem direktas la demandojn al la ekzaminotaj.

Depost la komenco de sia episkopa agado li ne nur buŝe kaj skribe kontraŭbatalas la multe disvastigatan misuzon de alkoholaĵoj, sed li mem per sia perfekta abstinenco donas la plej efikan ekzemplon.

Pluraj gazetoj, inter ili unu ĉiutaga, estas kreata laŭ lia iniciato aŭ daŭras per lia monhelpo. Li mem en tiuj gazetoj skribis pli ol 800 ĉefartikolojn, kiuj apartenis al la plej interesaj. Krom tio li publikigis grandan nombron de traktadoj teologiaj aŭ sociale-karitaj en diverslingvaj revuoj.

Krom aliaj pli gravaj teologiaj verkoj la senlaca verkisto fama eldonigos nun grandan „historion de kristana civilisacio“ kiu montras la efikojn de la kristanismo sur la diversaj teritorioj de la homa socio (scienco, arto, karito ktp.). La manuskripto havas pli ol 5000 manuskribitajn paĝojn. La verko estas la riĉa frukto de tridekjara laboro. Similan amplekson havas alia nepublikigata verko scienca, perlaborata dum pluraj jarcentoj: la logikasilolgisma analiso de la teologia sumo de Sankta Thomas. De la aliaj jam publikigataj verkoj estu nomataj: „De philosophia culturae“ kaj „Hora Eucharistica“.

Tiu estas bildeto de la granda apostola episkopo, kiu kiel unua episkopo havis la afablecon prezidi nian kongreson. Ĉiuj, kiuj konas la vere apostolan koron de tiu pastro, la vere profundan sciencon de tiu mondkonata verkisto, la vere vastenrigardantan intelekton de tiu sperta kulturfilosofo internacia, povas kompreni la feliĉan sukceson de Ika. Aldonu ni, ke Mro Fischer-Colbrie estas vera „interlingvulo“ admirinda: ĉar li perfekte parolas kaj skribas la germanan, hungaran, slovakan, latinan, francan, italan kaj anglan lingvojn; plue li havas bonegajn konojn en la greka, ĉeka, bulgara, hispana kaj hebrea lingvoj! Kaj aldonu ni fine la fakton: dum la kongreso li multe interesiĝis pri Esperanto.

Certe ĉiuj Ika-anoj kunigos kun ni la preĝojn, ke Dio benu la apostolan agadon de tiu kuraĝega, iniciatema, plej bonkora episkopo kaj ke la Dia providenco bonvolu doni al li multajn fruktoriĉajn jarojn por la bono de sia dieceso kaj la gloro de la Dia regno surtera!

S. R.

*) La ĉefaĵoj de tiu artikolo aperis en „Oss. Rom.“ de 15a de septembro 1921.

Mi certe ĝojas, ke la kongresanoj pritraktos la aktualan demandon pri reunuiĝo de la orienta eklezio kun Roma. Multaj rusoj pri tio sopiras. La nuntempa anarkio en la ortodoksa eklezio tre multe helpos al tio. Aŭdu: de nun laŭ la decido de „Koncilio", la episkopoj ne nur povas esti edzigitaj, sed eĉ povas laŭ sia volo eksedziĝi kaj poste denove edziĝi kun alia fianĉino! Simila okazo estiĝis en urbo „Varonej"; la tiea arkepiskopo Petro (ano de la reformema partio „viva eklezio") skribe petis lokan popolan juĝantaron eksedzigi lin. La juĝantaro plenumante la peton sciigis lin kaj lian edzinon pri tago, kiam ili devas prezenti sin al la juĝantaro. La tago alproksimiĝis, sed subite la arkepiskopon trafis malfeliĉo. Lia edzino, kun kiu li ekintencis ekzedziĝi, subite „malsaniĝis" . . . kaj la ĉefepiskopo devis denove peti la juĝantaron prokrasti la aferon, ĝis kiam la „patrino" resaniĝos! . . . Ĉu per tielaj agoj ile inde gloros sian eklezion? La kredantaro ĉiel insultas tiajn „episkopojn", sed ion alian ĝi ne povas fari. La pastraro de nun, dank' al la reformacia movado havas en siaj vicoj tre multajn pastraĉojn, kiu malhonoras la pastran klason. Multaj el tiaj pastraĉoj ne scipovas eĉ legi la slavan lingvon. La unu idealon tiaj pastraĉoj havas: drinki! Pri moralaj kvalitoj de ili mi eĉ ne povas diri: ili (la kvalitoj) tute forestas. La virinojn ili tre „adoras", malgraŭ tio ke ili havas siajn edzinojn . . .

Laŭ la ordono de la „Supera Konsilanaro" (simple komitato de ekleziaj uzurpuloj) la orienta rusa eklezio depost $12^{a}$ de junio devis akcepti la gregorian kalendaron kaj laŭ ĝi festi. La unua festo, kiu devis okazi estis la $29^{an}$ junio, festo de sanktaj Petro kaj Paŭlo. En tiu ĉi tago preskaŭ en ĉiuj eklezioj okazis la liturgia Diservo, sed ĝin ĉeestis nur pastraro . . . la parokanoj forestis, preferante okupi sin per ordinaraj hejmaj aŭ kampaj laboroj . . . Se la ordono, anstataŭrigi la kalendaron julianan per la gregoriana estus veninta de la patriarko — neniu malfacilaĵo okazus. Sed nun la gregorianan kalendaron ili konsideras komunista, hebrea . . .

La $16^{an}$ de junio patriarko Tiĥon sendis al la Supera Regna Juĝantaro leteron, en kiu li petas pardoni lin pro siaj epistoloj kontraŭ la Sovjeta Potenco kaj rimarkas, ke de nun la Sovjeta Potenco ne konsideru lin malamiko sia. En la fino de la letero la patriarko petas liberigi lin. La supera juĝantaro tuj liberigis lin . . .

La „Supera konsilantaro Eklezia" tre maltrankviliĝis okaze de la liberigo de patriarko kaj ĝi aranĝas ekstran „Koncilion" por diskuti la situacion. Ĝi opinias, ke, se la patriarko ne aliĝos al la reformacia movado, estiĝos granda skismo. Sed laŭ la plimulto de la kredantaro neniu skismo okazos, simple la „eklezia uzurpuloj" devas forlasi siajn oficojn.

Komprenu, ke depost la tagoj de la arestado de la patriarko kaj nun sekve de la eklezia anarkio la kredantaro spirite sin turnis al la katolika eklezio, opiniante, ke de nun sole ĝi estas vera. Multaj maljunaj pastroj sopiris pri la katolikeco . . .

Multaj ortodoksaj preĝejoj, kiuj estis fermitaj laŭ ordono de la estraro, nun estas remalfermitaj; ankaŭ katolikaj preĝejoj. Dankon al Dio! Via religia organizaĵo altiras la simpatiojn de intelektuloj. La pastraro ankaŭ simpatias al ĝi . . .

Pro K. K.

## La Esperantigo de la katolikaro.

Jen la granda problemo solvota: la Esperantigo de la katolikaro. Ne mankas voĉoj, kiuj estas malkontentaj pri la tro malrapida progreso de la disvastiĝo de Esperanto en katolikaj rondoj. Tiajn voĉojn ni trovas ankaŭ inter la nekatolika samideanaro, kiuj parte konvinkiĝas, ke la progreso ĝenerala estas tro malrapida.

Nu, aŭdante tiajn pesimistajn aŭ kritikajn voĉojn laŭ mia opinio oni devas detale ekzameni, ĉu la faktoj estas ĝustaj, kaj se ni trovas, ke ili estas ĝustaj, ni devas serĉi la kaŭzojn, kiuj parte povas esti ĉe ni mem, parte ĉe la eksteraj cirkonstancoj, do sendepende de ni.

Kiaj estas nun la faktoj?

Laŭ mia modesta sperto plurjara estas fakto, ke la ĝenerala movado ne tiom rapide progresas ĉiuflanken, kiom oni devus atendi kompare al la multega kaj vere oferema agado kaj propaganda laboro, pri kiuj ni legas ĉiumonate en la eble 60 diversaj gazetoj kaj ĵurnaloj. Kaj la ĉefaj kialoj laŭ mia opinio estas unue (kaj tio estas nia kulpo), ke ni ne sukcesis sufiĉe praktiki Esperanton, t. e. ĝin vere aplikadi al la ĉiutagaj homaj aferoj, kaj due (tio estas ekstere de ni) la ĝenerala renaskiĝo kaj plifortiĝo de la „naciismoj" en la homaro, kiuj instinkte sin deturnas de ĉiu „internaciaĵo", kiu al ili ŝajnas nur afero de revoluciemaj „komunistoj" aŭ de profitemaj „judoj".

Pri la unua punkto eble oni povus rimarki, ke Esperanto ĉiam ankoraŭ estas precipa afero de „idealistoj", kolektantoj, malrealistaj revuloj, revoluciuloj, pacemuloj ktp. Fakto ŝajnas al mi esti, ke la plimulto de la homoj imagas sub „Esperantistoj" iun sekton de malrealistaj revemuloj, kiuj staras ekstere de la kutima vivo homa kaj pro tio ne meritas specialan atenton. Se tiuj „ĝeneralaj" homoj kelkfoje laŭdas kaj admiras tiujn „revulojn", ili tion faras kun sekreta kompatemo aŭ eĉ kun tiu scivolema intereso, per kiu la jurnalistoj kutimas skribi pri ĉiu stranga kaj nova afero, ekzemple pri la vintra Pariza modo aŭ pri iu nova sensacia filmo aŭ skandalo. Do ŝajnas al mi, ke ni devas malsupren grimpi al la ĉiutaga vivo kaj en niaj ĉiutagaj laboroj apliki Esperanton, dum laboro kaj ripozo, preĝo kaj parolado, en leteroj kaj telegramoj, en komerco kaj vojaĝo — unuvorte ĉie en la kutima vivo ĉiutaga.

Pri la dua punkto ne estas necese diri multon. Ĉar ĉiu en sia lando (almenaŭ en eŭropo) povas vidi, se li ne estas blinda, ke naciismo sub iu formo de faŝismo, militista diktaturo ktp. terure progresas. Kaj tiuj, kiuj Esperis, ke la milito detruos la murojn inter la koroj kaj nacioj, trompiĝis. Neniam staris tiom dikaj muroj inter la popoloj ol nun kaj ofte ni povas konstati, ke ĝuste tiuj nacioj, kiuj antaŭ milito prave plendis pri subpremo, nun, „liberigitaj" same subpremas la aliajn . . . La naciisma reakcio marŝas!

Kaj la katolika movado? Estus certe interesa ekzakte koni la katolikan movadon! La jam delonge promesita kaj parte jam preparata adresaro katolika, iomete almenaŭ povus montri la veran forton de la katolika movado. Sed ankaŭ adresaro ne estas tute ĝusta konilo, ĉar unuflanke ne ĉiuj samideanoj katolikaj estas atingeblaj (almenaŭ ne ĉe la unuaj eldonoj) kaj aliflanke tie estos certe ankaŭ nekatolikoj aŭ duonkatolikoj, kiuj la katolikan adresaron nur profitas por interkonatiĝi kaj kolekti poŝtmarkojn. (Inter krampoj ni povas ankaŭ diri, ke ne ni sole estas kulpaj, ke la adresaro ne aperis ĝis nun; kulpaj estas ĉefe tri faktoroj: manko de kunlaborantoj en centrejo, manko de mono por pagi ilin kaj por kovri la grandajn preskostojn kaj manko de unueco inter la katolikoj!)

Tamen oni ĝenerale povas konstati, ke la katolika movado depost la milito bone progresis. Certe pro bedaŭrindaj malfeliĉaj disunuiĝoj kelkaj perdis la intereson kaj forlasis la agadan kunhelpon. Kelkaj ankaŭ indiferente staras ĉeflanke. Kelkaj eĉ havas sian specialan ĝojon, ĉie malhelpi kaj detrui eĉ naskiĝantan Ikagrupon — sed ĝenerale la movado progresis bone. Precipe ni sukcesis grandparte forigi la grandan antipation kaj preskaŭ nevenkeblan antaŭjuĝon, kiujn ni trovis oftege en katolikaj rondoj kontraŭ tiu „framasona" Esperanto. Kaj por la scianto estas interesa sperti, ke depost la sendubaj sukcesoj de Ika eĉ de grandaj katolikaj organizoj venas demandoj, ĉu tiu „Esperanto" fakte estas konsiderinda afero kaj ĉu estas konsilinda sin okupi pri ĝi!

Kion do fari por esperantigi la katolikaron? Nur unu povas doni la venkon: per praktika aplikado montri la praktikan valoron. Ĉiam la sukceso estas la plej bona propagandilo! Do praktigi Esperanton, tio estas la devizo.

Sed kiel? Mi nur diros pri kelkaj okazoj kaj eblecoj! Kuncentrigu ni finfine la fortojn! Montru ni per granda katolika gazeto semajna, ke Esperanto estas „io". Kun iu moka rimarko „Esperanto" ĵus diris: Jen la kvara katolika gazeto! Komento superflua!!

Alia okazo: niaj kongresoj! Ĝis nun la esperantistaro ĝenerale kaj same ni katolikoj opinias, ke estas plej granda sukceso, se kvar aŭ kvin mil homoj kunvenas kaj traktas inter si pri Esperanto kaj ĉiam pri Esperanto, ĉiujare pri Esperanto . . .!! (Inter krampoj, la kritikulo en S. R. ne estas la sola kiu ekkomencis kompreni tion!) Fakte estas preskaŭ nur ĉiam la sama kongresanaro. — Certe tiuj interesperantistaj kongresoj estas belaj kaj necesaj kaj sendube ankaŭ fruktoriĉaj. Sed ni finfine devas transpaŝi la interesperantistajn kongresojn kaj akiri la internaciajn kongresojn! Praktika ekzemplo. La Ika-kongresoj ne estas interesperantistaj, sed internaciaj. Pensu, kian impreson havos la alvenintaj ne-Esperantistoj, se ili trovus (inter grampoj: kelkaj „katolikaj" Esperantistoj en Nürnberg konsideris kiel speciale utilan (!!) kaj noblan taskon, averti la katolikajn samideanojn, ke ili ne iru al Konstanz — praktika propagando, ĉu ne?!) eble cent aŭ ducent katolikajn Esperantistojn? Ĉu ili ne jam per la ĉeestado de tiom granda nombro devus konvinkiĝi: Jes, Esperanto estas „io". Kaj se ili aŭdus kaj vidus, ke estas eble interparoladi tiom facile, tiom simple kun ĉiulandaj katolikoj: ĉu ili ne devus fine diri: jes tio „io" estas io „praktika".

Ĉu mi devas daŭrigi. Ne! Mi donas la parolon al aliaj pli prudentaj, pli spertaj, pli praktikaj. Nur unu vorton estu permesata: ni gardu nin, perforte altrudi Esperanton al la katolikaro (kio certe malsukcesus!)! Ni praktikigu Esperanton kaj per tio ni allogos, ni altiros, ni gajnos la gvidantojn! Nun la parolo estas ĉe Sinjoro — ??

Via kritikulo.

## Leteroj el Ĉeĥoslovakio.

(Daŭrigo.)

En restarigita ŝtato estas sufiĉe da homoj, kiuj el estinteco nenion lernis, kvankam ĉeha nacio pli ol aliaj vivas en estinteco kaj el estinteco. Baldaŭ post deklaro de sendependeco ekstaris granda amaso da pseudopretendantaj, kiuj demagoge kaj senrespekte trairis tutan respublikon, profitinte el ĝi egoiste, kaj por iel forturni l' atenton de l' popolo de sia avidema agado, ili klopodas pri ekscitado de religiaj bataloj, kvazaŭ forgesinte, ke tiuj ĉi jam plifrue alkondukis ĉehan landon al rando de pereo. Kaŝitaj kaj misteraj reĝisoroj de tute malbona teatraĵo ekvivigis „ĉeĥoslovakan nacian eklezion", kiu malgraŭ granda klopodo restis sole malgranda sekto, kaj plue disiĝis en du partoj, ĉeha tute nacionalisma, kaj morava, orientiĝinta, kvankam sole, laŭnome ortodokse. Kiam en la jaro 1921 okazis popoldenombro, anoj de eklezia skismo evoluigis grandan propagandon, tro ofte ĉarlatanan, ke oni gajnu plej grandan numeron da apostatoj romkatolikaj. La tuta resulto estis, ke ĉa 80% de loĝantaro restis fidele al religio de St$^{ai}$ Metodo kaj Cyril, ĉa 20% apartenas al iuj sektoj aŭ estas senkonfesiaj. Tamen ankoraŭ inter tiuj 80% estas multaj indiferentaj, tiel ke oni ne multe eraras dirante ke veraj katolikaj estas samnombraj kiel la kontraŭkatolikaj fanatikoj, Do plimulto de nacio estas, kvankam formale katolika, tamen vere neŭtrala kaj indiferenta, kaj venonte estos grava misia tasko, gajni tiun amason por religia vivo, kio esperble sukcesos. Jam nun ni povas vidi multajn signojn antaŭdirantajn pli bonan estonton, kiel ĉe ni hirundoj anoncas proksimiĝantan pritempon.

Rilate politikaj partioj en ĈSR estas grandega dispartiĝo kaj multe da politikaj partioj diferencaj. Por bone kompreni politikan vivon oni devas konfesi, ke el 13,600.000 loĝantoj ĉirkaŭ tri kvaronoj formas Ĉeĥoj kaj Slovakoj. La ceteraj estas Germanoj kaj Madiaroj. Do estas eble, ke Ĉekoj kaj Slovakoj, kiam ĉiuj pligrandaj partioj subtenas la registaron, sole povas reteni en siaj manoj la plimulton. Al tiuj apartenas: popola (katolika) partio, nacia demokrata, kamparana, socialdemokrata, naciosocialista kaj komunista, kiu nun estas partio komunista, partio reprezentata per komunistaro en ĉiu nacio. Je kristana baso estas starigata sole popola partio, kiu havas 33 parlamentanojn kaj 18 senatanojn el entuta nombro 300 kaj 150. Amasoj da indiferentaj katolikoj voĉdonantoj voĉdonas nekristanajn partiojn, kies deputitoj havas duspecan vizaĝon kiel Janus, unu por voĉdonantaro kaj duan por leĝdonantaro kaj ĉar nun precipe ĉe ni, kulturaj demandoj estas deciditaj en parlamento, oni devas per ĉiuj iloj klopodi, ke popolo voĉdonu popolan partion, kies fina celo estas kristana plimulto en parlamento kaj katolika registaro.

# Instruadoj pri la internacia juro en la encikliko „Ubi arcano Dei“ kaj aliaj papaj pacmanifestadoj.

Per Mro Dro Nik. Pfeiffer, Kaŝovice.[1])

I. Enkonduko. 1. La plej aktualaj demandoj nuntempaj estas tiuj, kiuj traktas pri la bonaj rilatoj inter la popoloj, inter la ŝtatoj: unuvorte la demandoj de la internacia juro.

En sia encikliko „Ubi arcano Dei“ de 23a de decembro 1922 la Sankta Patro donas instruadojn tre gravajn ankaŭ pri la demandoj de internacia juro. En sia manifestado li mencias ankaŭ siajn anteulojn, precipe Benediktov XVan.

Mi en tiu traktado ne volas diri pli ol la Sankta Patro diras kaj nur eltiri el la encikliko la instruadojn rilate al la internacia juro. Kelkfoje mi permesas al mi ankaŭ tiri kelkajn senperajn konkludojn, kiuj ne estas esprime dirataj en la manifestadoj kaj malofte mi citas kelkajn teologojn traktantajn pri tiuj demandoj.

Ĉetere estas evidenta, ke vere kristana renaskiĝo ne estas eble sen kristana renoviĝo en la interna politiko de la diversaj landoj, en la socia teritorio kaj en la individua vivo.

2. La nerekta potenco de la eklezio en mondaj aferoj: Oni povus kontraŭdiri nin: la problemoj de la internacia juro koncernas la publikŝtatajn aferojn. Kiel do la eklezia aŭtoritato estus kompetenta sin juĝesprimi pri tiuj demandoj? — Laŭ la nerekta potenco, kiun la eklezio havas ankaŭ en mondaj aferoj, ĝi rajtas fari tion. Car estas tasko de la eklezio malhelpi — eĉ en tempaj materioj — ke la justeco estu vundata kaj la plialtaj bonoj de la homaro suferu. Ĝuste per tio la eklezio sin igas gardanto de la plej altaj bonaĵoj de homaro kaj favoras tiel ankaŭ la tempan bonfarton de la naciaro.

3. La paco ne estas ankoraŭ restarigita: pri tio plendas la papo. La malamikeco ne lasas ripozon al la popoloj. La rimedoj ne ankoraŭ alproksimiĝas. Sekve la situacio estiĝas pli kaj pli netolerebla. La homaro riskas refali en la barbaran sovaĝecon.

4. La Sankta Patro volas montri la vojon al paco: La ideojn de Benedikto XVa li deklaras la siajn. Li volas unuigi la programon de Pio Xa „renovigi ĉion en Kristo“ kun tiu de Benedikto XVa: esti peranto de paco. Li volas serĉi la pacon de Kristo en regno de Kristo.

5. Al tiu celo li alvokas la episkopojn, organizojn kaj institutojn katolikajn, pastrajn, gemonakojn, kaj ĉiujn kredulojn kaj ĉiujn homojn kiuj havas bonan volon, ke ili kunlaboru por realigi tiun taskon.

II. Argumentado: 1. Ekzistas speco de doktrino modernista, kiu sin manifestas sur la teritorio morala, jura kaj socia, konstatas la Sankta Patro. Li timas, ke ĝi per siaj belaj eksteraĵoj eĉ erarigas la plej bonajn de la kreduloj, eĉ pastrojn. Laŭ la papo tiuj doktrinoj modernistaj ekzistas ankaŭ sur la kampo de internacia juro. Ofte oni instruas doktrinojn kontraŭajn al la katolikaj principoj. Kelkaj ŝajnas esti forgesintaj la direktilojn, donataj per Leo XIIIa, Pio Xa kaj Benedikto XVa.

2. Rilate al la internacia juro tiuj eraroj sin montras antaŭ ĉio per tro granda afekcio, per troigita kaj ekskludema sindono al la propra ŝtato kaj patrolando. Ĉi tio estas fonto de maljusteco kaj malekveko.[1]) Ofte nur estas la neordigita deziro je teraj bonaĵoj, kiu ŝin kaŝas malantaŭ tiuj patriotaj diraĵoj malbone aplikataj, kiuj puŝas la unujn por subpremi la aliajn.

Sponte oni memoras tie la tezon 64 en Silabo de Pio IXa. Tie estas kondamnata la tezo, ke estus permesataj maljusteco aŭ krima agado farataj pro sindono al propra patrolando.

En la sama silabo ni vidas ankaŭ la fonton de tiu eraro: la tezo 32, same kondamnata, nome ke la ŝtato estus la origino kaj fonto de ĉiu potenco kaj ke tiu potenco estus senlima. Tiu tezo kondamnata konsideras la ŝtaton (aŭ la nacion) kiel lastan kaj plej superan celon, super kiu ne estus alia celo kaj kiu ne estus submetita al la leĝo morala: unuvorte ĝi proklamas la diigon de la ŝtato aŭ nacio.

3. Tiu devojiĝo devenas el la materialismo. Pro IXa kondamnas en la tezoj 58—61 tiujn, kiuj azertas, ke ne ekzistas aliaj fortoj ol tiu de la materio, ke la moraleco konsistas en nenio alia ol en la amasigo kaj plimultigo de la riĉaĵoj kaj plezuroj, ke la juro konsistas en la simpla materia realeco, ke la devoj de la homoj estas nur senenhavaj frazoj, ke ĉiu homa agado per sia propra efektigo jam estas justigata, ke la aŭtoritato nur estas la sumo de la materiaj fortoj, kaj fine ke iu agado jam per tio, ke ĝi sukcesas, estiĝas legitima.

Pio XIa plendas kun bedaŭro, ke estas la perforto kaj plimulto kiuj superregas.

4. La justeco kaj ekveco: Kontraŭ tiuj eraroj Benedikto XVa en sia letero al la estroj de militantaj ŝtatoj diras, kiel la fundamenta principo: la materia forto de la armoj devas esti anstataŭata per la forto de la morala juro. Konforme al tio Pio XIa diras, ke la vera paco de Kristo ne povas malakordiĝi kun la normoj de la justeco. Kie naskiĝus diverseco de opinioj laŭ Benedikto XVa ĝi devas esti ordata per la justeco kaj ekveco.

Sekve ankaŭ en la internaciaj rilatoj la unua ordono estas laŭ Benedikto: la justeco, kiu neniam devas esti lezata per iu persono. Car ĉiu ankaŭ por siaj politikaj agadoj same estas responda kiel por la privataj.

En sia encikliko „Immortale Dei“ de 1a novembro 1886 Leo XIIIa jam diras, ke neniel estas permesata agadi en la publika vivo alie ol laŭ la normoj observotaj en la privata vivo.

La justeco donas al ĉiu tion, kio al li decas; tiun principon oni devas ankaŭ respekti en la internaciaj rilatoj. Pro tio Pio XIa klare diras, ke oni ne devas forgesi, ke ne nur la propra popolo rajtas ekzisti kaj alceli feliĉon, sed ankaŭ la aliaj.

Al la justeco oni devas aldoni laŭ Benedikto XVa la ekvecon. Laŭ Aristoteles kaj Thomas tiu ĉi estas la kompletigo de la justeco; ĝi konsistas en tio, ke oni ne ĉion postulas, kion oni laŭ la severa juro rajtus postuli, kiam pli alta bono konsilas al ni rezigni je niaj justaj postuloj.

Pro tio Benedikto XVa instruas, ke oni en la internaciaj rilatoj ne nur ne postulu ion, kio estus maljusta kaj troigata, sed por la ĝenerala bono en la spirito de ekveco ankaŭ oferu kelkajn de la propraj rajtoj.

5. La universala frateco: Pio XIa citas ankaŭ kontraŭ la nacia egoismo la vortojn de la Evangelio: „ke vi ĉiuj estas fratoj“ (Mat. 23, 8), kaj: „estas mia ordono, ke vi amu unu la alian, kiel mi mem vin amis“ (Jo. 15, 12). La Sankta Patro instruas, ke ĉiuj popoloj estas membroj de la granda homa familio, ke ili devas sin ami reciproke kiel fratojn.

La homaro estas tute solidara. La popoloj devas sin kompletigi kaj helpi en spirita, morala, ekonomia kaj materia rilatoj. Tiu solidareco kreskas kun la evoluo de civilizo kaj komplikado de la ekonomia vivo. La granda leĝo de la solidareco ne povas esti senpune lezata.

6. La proksimulamo: Por ke la frateco homara estu kompleta, necesas, ke oni al la justeco kaj ekveco aldonu la kariton. Tiel la Sankta Patro deziras, ke oni ĉe la internaciaj diplomataj konferencoj aŭdu la justecon kaj ekvecon, plendante, ke la perforto ekzistas tiom longe kaj mankas la bonkoro kaj kompatemo.

Laŭ la papo, kiu citas la sumon teologan de Thomas, la paco naskiĝas pli muite el la karito ol el la justeco. La justeco forigas la melhelpaĵojn, la maljustaĵojn; sed la paco mem estas sekvo de la karito.

Ĉi tiu frateco devas esti universala. Tial Benedikto XVa diras, ke li volas fari la plej bonon laŭeble al ĉiuj sen diferenco de nacio aŭ religio. (Daŭrigota.)

[1]) Mallongigita raporto de Mro Pfeiffer en Konstanz.

[1]) Ekveco estas la latina aequitas; malfeliĉe ni ne povis trovi ĝustan alian esprimon por tiu gravega vorto en la moralo „justitia et aequitas“.

# Bildoj el la nunaj bataladoj de la rusa eklezio.

(Originala letero el Ruslando.)

. . . Bedaŭrinde mi ne povas ĉeesti la kongreson de Konstanz, malgraŭ mia granda deziro partopreni ĝin . . .

# Internacia katolika propagandfesto porpaca.

## La revenotago de publikigo de encikliko: „Ubi arcano Dei!“

La granda porpaca iniciato katolika evoluiĝas tra la mondo. La katolikoj ekkomencas kompreni, ke nur la roma, la katolika paco povas savi la homaron. En la animoj de la kristanaj popoloj troviĝas plej profunda malsato je la paco, je la roma, je la katolika paco. Donu ni al la malsatuloj la refreŝigan panon de vero, de klareco, de kuraĝo!

Jen, baldaŭ revenos la glora tago, kiam Lia papa moŝto Pio XIa alvokis al la homaro, al la kristanaro, al la karolikaro la grandan profetan admonon: serĉu la pacon, la pacon de Kristo, la pacon de amo, la pacon de justeco! Jen la lumo por la popoloj, jen la solvo de la tuta pripaca problemo!

Ĉu ni katolikoj do serĉu niajn principojn pripacajn en pli malpli liberalaj gazetoj? Certe ilia agado porpaca estu bona kaj laŭdinda! Ni serĉu niajn principojn en la granda encikliko de la papo; tie estas la vera, la katolika t. e. universala paco!

Ĉu ni katolikoj ankaŭ estonte, kiel tro ofte estinte, lasu la porpacan agadon nur al nekatolikoj, al liberpensuloj, socialistoj, framasonoj? Certe ilia laboro estas utila kaj laŭdindega! Sed finfine ni ekstaru kaj reakiru tiun speciale kristanan, speciale katolikan taskon al ni! La kristanoj ja devas esti la paciguloj!

Jen la Sankta Patro nin alvokis. Nun ni sekvu! Ĉu ne estas plej bela, plej enkuraĝiga ideo, ke la kristnaskofesto estiĝu tutmonda katolika propagandfesto de la porpaca movado?

Tial ni invitas kaj alvokas ĉiujn niajn amikojn: kunhelpu, ke laŭ la feliĉa iniciato de nia kunprezidanto Don Ernesto Vercesi la venonta kristnaskofesto estiĝu granda internacia memortago kaj propagandfesto por la encikliko „Ubi arcano Dei“, sub la devizo: Vivu Kristo, la eterna princo de paco!

En ĉiu urbo, kie ekzistas samideano aŭ pacamiko, li jam nun pripensu la eblecojn por prepari diligente katolikan demonstracion! En la sekvonta numero ni publikigos detalan programon modelan! La parolado de Don Vercesi kaj la raporto de Mro Pfeiffer en tiu ĉi numero jam liveras taŭgajn skizojn por tiucelaj temoj! Ne hezitu! Skribu tuj poŝtkarton: ni preparas ankaŭ en nia urbo tiun demonstracion! — Ne esperas havi jam en la sekvonta numero grandan liston de urboj! Vivu Jesu-Kristo, la eterna princo de paco!

# Naciaj abonejoj de K. M.

Por faciligi la abonpagon ni sciigas ĉi tie naciajn abonejojn de K. M. La prezo estas por kolekto de 10 numeroj. Abonintoj el nenomitaj ŝtatoj plej bone pagu per enskribita letero al K. M., Graz, Aŭstrio, Karmeliterplatz 5.

## Abonejoj.

**Anglio:** R. P. Osw. Staniforth, Monastery, Grosvenor Road, Chester (3 ŝl,).

**Aŭstralio:** Fino Maud Helm, 22 Falconer str., Fitzroy, Melbourne (3 ŝl.).

**Aŭstrio:** Oni pagu senpere per nia poŝtĉeko; elpetu poŝtpagilojn! (10.000 kr.)

**Belgio:** Fino J. Assenmacher, 50 rue des Minières, Verviers (5 b. fr.).

**Brazilio kaj tuta Sudameriko:** Sro Conto Fernandez, 225 Larangeiras, Rio de Janeiro (3 mr. aŭ 5 fr. fr.).

**Ĉehoslovakio:** Oni pagu senpere per niaj poŝtpagiloj aŭ per Sro Fr. Buhr, Praha-Prevnov 257 (10 c. kr.).

**Francio:** Sro Pierre J. A. Muffang, 14 bis avenue Galois, Bourg-la-Reine, Seine (Compte de chèques postaux, Paris 22.482).

**Germanio:** Oni pagu per nia poŝtkonto 70.269, Paulus-Verlag, Karlsruhe (0·80 o. M. = 10.000 aŭ. kr.).

**Hispanio:** Prof. Mariano Mojado, Abascal 13, Prãl A, Madrid (3 pes.).

**Italio:** Prof. Modesto Carolfi, Corte maggiore, Piacenza (6 l.).

**Jugoslavio:** Pro Ambr. Benkoviĉ, Zagreb, poŝtfako 109 (15 din.).

**Litovujo:** Sro Maĉernis, Ukmergas plentas 45, Kaŭnas (4 lid.).

**Rumanio:** Esperanto-Centro Rumana, Alea Suter 19, Bucaresti (30 l.).

**Usono:** Sro A. Vidikovski, 2833 Livingstonestr., Philadelphia (0·60 dol.).

kongreso. Donu la bona Dio, ke ĝi riĉe evoluiĝu, tiel ke la pastraro estiĝu forta potenco en la internacia agado tutmonda. Aldonu ni, ke M^sro Hughes lernis perfekte Esperanton, enkuraĝigita per nia senlaca amiko Prof. Mariano Mojado.

## La Moka-konferenco.

Jes, la junuloj! Ili ja estas nia espero kaj estonto. Ĉu estas mirinde, ke ĝuste la junula konferenco trovis plej grandan intereson? Precipe ni salutis ĝojege tiujn ĉi entuziasmajn gejunulojn, kiuj apartenantaj al la „Quickborn“ aŭ similaj katolikaj junulmovadoj, venis nudpiede kaj nudkape, sen mono kaj manĝo, nur por servi la pacon, nur por labori por la Dia regno!

La konferenco de Moka, prezidata de Prof. Lacroix, Paris, kaj de ĉefsekretario Hanns Sappl, München, precipe sin okupis pri la interna perfektigo de Moka. Unuanime oni interkunsentiĝis ke Moka nur povas sukcese evoluiĝi, se ĝi kuncentrigas la fortojn je certaj kaj klaraj programpunktoj.

La grandan publikan kunsidon sub prezido de Prof. W. Arnold ĉeestis multaj partoprenantoj diverslandaj. Post laŭtlegado de la afablega salutoletero veninta de la eminenta protektoro, episkopo grafo G. K. Majlath, reprezentantoj diverslandaj salutis la kongreson. Tiam la honora prezidanto de Moka, prelato A. Gießwein, Budapest, en fajra alparolado diris, ke la mondmilito kreis novan spiriton internacian. Kaj precipe la junularo devas kunlabori, ke tiu spirito de paco disvastiĝu en la tuta katolikaro. En kuraĝiga finparolado poste M^sro Fischer-Colbrie esprimis sian specialan ĝojon pri la grandaj idealoj kaj la efika programo de Moka kaj salutis precipe la intencon, ke la junularo internacia pli ol estinte interesiĝu pri la batalo kontraŭ la plej grandaj danĝeroj de junuloj: la alkohola kaj nikotina venenoj.

En la sekvanta ĝenerala kunsido oni daŭrigis la elparoladon pri la programo de Moka. Konvinkite, ke estas tasko la junularo katolika, precipe ankaŭ kunhelpi je la repaciga kaj renoviga movadoj internaciaj oni decidis, ke Moka estonte laboru kiel memstara grupo de Ika. La ideala programo do estas la efika kaj radikala apliko de la katolikaj principoj sur **ĉiuj** teritorioj de la katolika agado. Kiel ĉefa tasko por la estonta jaro oni rekonis, ke oni klopodu trovi delegitojn en la jam ekzistantaj junulorganizoj por tie propagandi la ideojn porpacajn; plue oni zorgos, ke la internacia leterŝanĝo reviviĝu efike. Kiel oficialan internacian lingvon oni destinis Esperanton, kies laŭplana disvastigado en la junularo estos unu el la ĉefaj taskoj de Moka. Pri la detala programo ni traktos en sekvonta numero. Por la internacia disvastigado oni perfektigos la internacian komitaton. Oni elektis kiel estraron: honora prezidanto: prelato D^ro A. Gießwein; ĉefsekretario kaj afergvidanto: Hanns Sappl, München, Görresstraße 1; kiel reprezentanto de Ika en la Moka-estraro: la ĝisnuna prezidanto Profesoro W. Arnold. Lia episkopa moŝto grafo K. Majlath akceptis bonvole resti protektoro de Moka kaj per enkuraĝiga letero aprobis la novan programon de Moka.

## La elmigrada konferenco.

La 6^a internacia konferenco por la elmigrada protekto katolika sukcese daŭrigis la dum lasta kongreso komencitajn laborojn! Post detala raporto de ĉefsekretario D^ro Grösser (Rafaelo-unuiĝo internacia, Hamburg, Besenbinderhof), oni pritraktis la demandon de efika protektado de la katolikaj elmigrantuloj. La ĉeestantaj reprezentantoj de Svislando, Polio, Ĉeĥoslovakio kaj Litovio estis komisiitaj, laŭeble realigi memstarajn Rafaelo-unuiĝojn en siaj landoj. El la rezolucio de la konferenzo ni komunikas la jenon:

La plimultiĝo de la pro ekonomia mizero elmigrantaj postulas efikan daŭrigon de internacia protektado.

Por la intereŭropa migrado estas necese, ke la atento de la pastraro direktiĝu al la fremdlandaj laboristoj kaj koloniistoj.

Pri la transmara elmigrado precipe ŝajnas grava

a) ke en ĉiu lando estu kreata almenaŭ katolika informoficejo por katolikaj elmigrontoj, kiu kunlaborus efike kun la ŝtataj oficistoj, kun la eklezia aŭtoritato de la forvetur — kaj alvenhaveno,

b) la pastroj atentigu la elmigrontajn je tiuj informoficejoj kaj donu la necesajn atestojn kvazaŭ eklezian pasporton,

c) la animprizorgado de la elmigrintaj fariĝu en ties patra lingvo,

d) la konferenco precipe rekomendas eldonon de nacilingvaj flugfolioj, enhavante la plej gravajn religiajn admonojn kaj la praktikajn konsilojn pri veturo, alveno kaj religia vivo en la alcelata lando.

## La instruista konferenco.

La el diverŝtataj reprezentantoj vizitata komisiono, studante la vojon al frukta kunagado de la katolikaj instruistoj, trovis ke jam tri diverslandaj iniciatoj tiucelaj ekzistas. La ĉeestantaro do unuanime decidis, kunigi tiujn klopodojn al nun por efika kunlaborado kaj protekto de la katolika lernejo. Internacia komitato estas kreata. La provizora estraro estas Profesoro Carolfi, Cortemaggiore (sekretario), Profesoro Weigl, Amberg, Germanujo; Profesoro W. Arnold, Svislando; Prof. Muffang, Francio. Oficiala organo estas K. M.

## La komercista konferenzo.

Tiu sub prezido de S^ro Mollenhaŭer, Fulda, kaj aliaj samcelanoj aranĝata konferenco konstatis, ke la internacia kunagado de la katolikaj komercistoj estas plej necesa por revivigi la kristanajn principojn en la internaciaj rilatoj. Laŭ propono de S^ro A. de Riva, Milano, oni decidis la kreon de internacia informoficejo komercista, por kolekti la adresojn de jenaj katolikaj komercistoj, kiuj jam apartenas al katolikaj unuiĝoj aŭ societoj kaj tiel organizi la interŝanĝon de komercaĵoj inter katolikoj kaj krei monreservon al pligrandigo de la oficejo.

Oni intencas kunligi ĝustatempe tiun oficejon kun la centrejo de Ika. Provizore ĝin gvidas S^ro Bruehl, Fulda, Feldstraße 12, Germanujo.

# Sciigo grava.

**La daŭro de la financa mizero en multaj eŭropaj ŝtatoj devigas nin ankaŭ tiun ĉi numeron eldoni kiel duoblan numeron. Kulpo je tio estas, ke multaj samideanoj ankaŭ en plibonvalutaj ŝtatoj ĝis nun ne pagis abonon por tria kolekto.**

**Se vi volas, ke „Katolika Mondo“ daŭru, pagu almenaŭ regule la abonprezon.**

**Por niaj samideanoj en Germanio, Polio kaj Hungario ni pro la nunaj cirkonstancoj montras laŭeble paciencon. Sed ĉiu faru sian eblon!**

**Ĉiuj alilandaj samideanoj ni nepre devas peti, ke ili aŭ pagu la abonon aŭ resendu la gazeton, por ke ili estu forstrekitaj el la abonlisto. Varbu novajn abonintojn!!**

**La redakcio kaj administracio.**

La oficejo serĉas fidindajn delegitojn en ĉiuj pli grandaj urboj kaj peradas ankaŭ rilatojn al katolikaj bankoj.

## Filmkonferenco.

Plej aktuala estas la konferenco por bonaj filmoj. Ĉiuj partoprenantoj konvinkiĝis, ke la fabrikado kaj disvastigo de morale bonaj filmoj estas la plej taŭga ilo, por kontraŭbatali la malmoralajn filmojn. D^ro Ernst, München, Direktoro de internacia „Leo-filmo A. S.“ (München, Pestalozzistraße) raportis pri tiu entrepreno, kiu havas jam branĉojn en freilando, Hispanio ktp. La sperta fakulo precipe akcentis ke mankas ne nur la kapitalo (kiu estus akirebla), red precipe la taŭgaj verkoj. Do grava tasko por katolikaj verkistoj. La kongreso rekomendis al la katolikoj, pli efike ol ĝis nun kunlabori je la disvastigo de bonaj filmoj per granda iniciato kaj subteni la disvastigon de internacia „Leo-filmo“.

## Esperanto-konferenco.

Laste, sed ne la lasta, estu nomata la Esperanto-konferenco, kiu sub direktado de tri bonmeritintaj kunlaborantoj: Prof. Carolfi, S^ro Muffang kaj D^ro Hinsenkamp trovis grandan intereson. La komisiono ellaboris tre trafan proponon, kiun oni prezentis al la kongreso. La esencaj punktoj de tiu propono estas, ke oni estonte ĉe la kongresoj uzu Esperanton kiel unusolan tradukan lingvon, ke oni en ĉiuj katolikaj lernejoj, institutoj kaj precipe pastraj seminarioj enkonduku urĝe la helpingvon kaj fine, ke oni subtenu kaj abonu ĉie la katolikan gazeton „Katolika Mondo“.

Ne mankis ĉe la kongreso (ĉar malfeliĉe ne ĉeestis sufiĉe da lertaj Esperantistoj, vidu nian artikolon!) voĉoj, kiuj rimarkis, ke estus erare, se oni klopodus perforte altrudi al la kongresoj jam nun Esperanton kiel unusolan lingvon. Ĉar la tempo ne ankoraŭ estas matura kaj organa pacienca evoluiĝo estas necesa. Tamen la kongreso ankaŭ multe progresigis Esperanton; multaj novaj amikoj estas gajnataj; kongresistoj, kiuj kun antipatio aŭ indiferenteco

## Adolf Kolping.

**Fondinto de la internacia metiista unuiĝo katolika.**

(Daŭrigo.)

1850 oni centraligis ĉiujn unuiĝojn en „Rejnlanda ligo metiista“ kun komuna regularo. Ĉe la dua ĝeneralkunveno oni decidis nomi la unuiĝon „katolika metiista helpunuiĝo“ („Katholischer Gesellenverein“). En aprilo 1852 vojaĝis Kolping Sudgermanujon por ankaŭ tie disvastigadi sian organizon. Ĉie jam estis bone preparita la vojo. Ankaŭ en aŭstraj provincoj, Tirol, Salzburg kaj Supra Aŭstrio li trovis entuziasmajn kunlaborantojn. La 25^an de majo li venis al Wien kun la intenco krei en la ĉefurbo la centron por la aŭstraj unuiĝoj. Li varbis tuj la entuziasman kunlaboranton, religian profesoron Dr. Anton Gruscha. Tiun socialan pastron li nomigis kiel ĉefprezidanton por la aŭstraj unuiĝoj. Dr. Gruscha restis gvidanto ankaŭ kiam li fariĝis kardinalo. Ne estas eble ĉi tie rakonti la senlacan agadon de Kardinalo Gruscha por la laboristoj. Ankaŭ li fondis multajn unuiĝojn. Kolping travojaĝis la tutan tiaman monarkion aŭstran ĉie laborante por sia ideo.

Nun vidis Kolping ke estis necese, krei centron por ĉiuj unuiĝoj. Li kreis distriktajn provincajn kaj regnajn branĉojn kun la ĉefcentro en Köln. Venis la jaro 1862 kiam Kolping vojaĝis Romon. Defoje li ricevis aŭdiencon ĉe la Sankta Patro, kiu donis al li tre multvaloran mesveston. Post la reveno al Köln, „patro“ Kolping, tiel nomita de la membroj, post mallonga tempo fermis por ĉiam siajn okulojn. Miloj da membroj kun malsekaj okuloj kaj doloro montris al sia amata neforgesebla patro la lastan honoron. Lia tombo estas en la minorita preĝejo sub la Sankta-Josef-altaro, kiu estas la donaco de la dankemaj membroj.

Preskaŭ 50 jaroj nun estas pasintaj depost la morto de Kolping. Kio fariĝis nun el sia entrepreno, al kiu li dediĉis sian tutan vivon per laboro, peno kaj zorgo? La unuiĝa statistiko donas al ni la respondon: ĉe la morto de Kolping estis 400 unuiĝoj, hodiaŭ 1270; aktivaj membroj estas 80.000, la honoraj kaj subtenantaj 135.000, la nombro de la propraj domoj 380, la financa stato estas kontenta, 96.000 migrantaj membroj ricevas jare dum kelkaj tagoj senpage manĝajon kaj loĝejon, 5600 loĝas ĉiam en la domoj, en pli ol mil kursoj de diversaj fakoj ricevas jare 14.000 membroj instruon. Ankaŭ por la gimnastiko, muziko kaj teatra ludo estas okazo. La religia vivo ankaŭ estas tre vigla. La deviso estas: „Religio kaj virto, laboremo kaj diligenteco, harmonio kaj amo, gajeco kaj ŝerco. „En preskaŭ ĉiuj urboj kaj urbetoj de Germanio, Aŭstrio, Hungario, Ĉekoslovakio, Holando, Belgio kaj en la ĉefurboj de la Eŭropaj regnoj, ankaŭ trans la granda oceano en la grandurboj de Usono estas tiaj unuiĝoj, ĉiuj kun la centro en Köln. Oni havas tie ĉi veran katolikan internacion, nur mankas ĝis nun komuna internacia lingvo. Sed en kelkaj unuiĝoj oni jam instruas la veran internacian helplingvon „Esperanto“. Ĉu eble estas jam forgesita la sociala pastro Kolping? Ne! En Köln staras monumento, antaŭ la minorita preĝejo kun la skribo: Adolf Kolping, „Der Gesellenvater“, kaj sia animo vivas en ĉiuj membroj kaj unuiĝoj, kaj ĉie oni aŭdas la unuiĝan saluton: „Dio benu la honestan metion“, kaj la respondo: „Dio benu ĝin“, kaj ĉie oni kantas la kanton: Patro Kolping jen en glor“.

Anton Schmitt, „Verda Stelo“, Wien.

venis, nun eĉ gvidas kursojn! Memoru, ke ĉefprezidanto de kongreso Kanoniko Hughes nur por la kongreso lernis Esperanton kaj nun estas entuziasma pioniro! Malrapide marŝas la venko — sed ĝi venas! K. M.

* * *

**Pri la grandaj rezultoj ĝeneralaj, la membroj kaj taskoj de la kreitaj komitatoj ktp. ni raportos en sekvonta numero.**

## Recenzejo.

### Internacia literaturo.

**Sur les Confins de deux Mondes** de St. Šalkauskis, eld. Atar, Genève.

Plej interesa libro pri Litovio, tiu novnaskiĝinta ŝtato! Historio, evoluo, signifo de tiu popolo! Fakte vere internacia libro (skribita france) ĉar en admirinda maniero ĝi montras la diferencon de okcidenta kaj orienta kulturo kaj la feliĉa sintezo en la litova civilizacio! Ankaŭ libro por kompreni la orienton!

**Theologia Moralis**, verkita de E. Müller, Pustet, Regensburg, Germ.; bind. o. m. 8·—.

Tiu noveldonita morala kompendio estas des pli multe interesa, ĉar la mondkonata prelato Seipel, nuna kanceliero kaj ĉefministro de Aŭstrio plibonigis ĝin. Tiaj internaciaj verkoj sciencaj ne bezonas specialan rekomendon!

**Exercitia spiritualia** de Sta Ignacio, Fr. Pustet, Regensburg; prezo broŝ. o. m. 3·50, bind. 5·—, lede bind. 8.50.

**Scintillae Ignatianae**, sama eldonejo, sama prezo.

**De imitatione Christi** de Thomas a Kempis; sama eldonejo, sama prezo.

Tri tezoroj de la katolika asketa literaturo! Ĉiuj meritas esti esperantigotaj! Imitado de Kristo estos la unua! Por ĉiuj, kiuj konas latinan lingvon, tiuj verkoj pro belega prezo kaj eksteraĵo estas plej rekomendindaj.

### Esperanto-literaturo.

**Spoken Esperanto** eld. Norman W. Forst, Cambrige 38, Mass.; broŝ. d. —·50, bind. 1·—.

Modela anglalingva lernolibro; moderna, praktika, belega papero kaj eksteraĵo!

**Demandaro** de R. de Ladevèze, Ellersiek & Borel, Berlin SW 61, Wilmstr. 5; sv. fr. —·90.

Enhavas en bona aranĝo la plej gravajn sciigojn pri Esperanto ĝis nuna tempo.

**Sub la Neĝo** de J. J. Porchat, sama eldonejo; sv. fr. —·90.

**La Amkonkurantoj** de R. Schmidt, triakta komedio, sama eldonejo; sv. fr. —·30.

Tiu du novaj verkoj de la internacia biblioteko estas feliĉa daŭrigo de tiu malmultekosta kolektaro.

**Esperanto-Briefwechsel für den Kaufmann** de M. Butin kaj Fr. Jahn, sama eldonejo; sv. fr. —·80.

Tre utila kaj rekomendinda verketo kiu estas feliĉa antaŭenpaŝo por praktikigi Esperanton.

**Esperanto-Sprech- und -Übungsbuch** für Schule und Selbstunterricht de Dir. J. Schamanek, Paŭlus-eldonejo Graz; prezo sv. fr. 1·—, por Aŭstrio, Germ., Polio, Hungario aŭ. kr. 7200·—.

Tiu en tria eldono aperinta lernolibro estas certe la plej praktika por lernejoj, kursoj kaj meminstruo. La principo estas: parolante lerni lingvon! Se tiu metodo estus ĉie praktikata, la sukceso estus multe pli granda.

La tria eldono, sur bona papero, nova bela eksteraĵo estas plimultigata kaj nun la plej malmultekosta lernolibro de la germanlingva teritorio.

**Ĉi tiujn kaj ĉiujn aliajn librojn oni mendu ĉe Paŭlus-eldonejo!**

## Anoncetoj.

La kostoj por dufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la preson de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato. Antaŭpago kondiĉo!

---

Ĉiuj katolikaj kolektantoj interŝanĝas, aĉetas aŭ vendas ĉiulandajn kaj ĉiuspecajn poŝtmarkojn ĉe „Mikro", Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrio.

Kora peto. Neniu el niaj legantoj forĵetu afrankitajn kovertojn, kartojn, poŝtmarkojn ktp. Kolektu ĉion zorge kaj ensendu ĝin al „Mikro", Graz, Karmeliterplatz 5, por subteni la mision de Blanka Kruco.

Josef Lejhaner, oficisto, Pravy, poŝto Dobrenice u Hradec Kr., Ĉeĥosl. dez. interŝ. P. K. kun ĉiuj landoj; mi estas membro de „Orel".

Sro Hans Chalaskewiz, Berlin-Charlottenburg, Grolmanstr. 32, deziras korespondadi kun ĉiuj landoj; precipe per poŝtkartoj ilustritaj.

Sro Rud. Slivka, Kapfenberg, Feldgasse 4, Aŭstrio, dez. kor. kun tuta mondo, precipe kun Francoj kaj Rumanoj; l. P. K. il. bfl.

Gesamideanoj helpu enkonduki Eon ĉe la komercistoj kaj industriuloj; donu komisiojn! Por ĉiujn fakoi akceptas komisiojn: Peter Becker, del. de UEA, Mainz, Aŭgustinerstr. 58, Germ.

Prof. Dro Pilger, Passaŭ, Bavario, deziras korespondadi kun ĉiulandaj amikoj precipe pri paca movado.

Korespondadi deziras per pk. kaj let. jenaj samideanoj el Tetschen a. d. Elbe, Ĉeĥosl.: Erna Krolup, Bürgerstraße; Thilde Müller, Marktplatz; Lisel Michel, Mühlgasse; Berta Michel, Annagasse; Emi Köhler, Tetschen-Laube; Erich Hiekisch, Kamnitzerstr. 578; Hans Hiekisch, Kamnitzerstr. 578.

Josef Nießen, stud. theol., Albertinum, Bonn, Germ., deziras korespondadi (france) precipe kun franca studento.



# Abonprezoj de K. M.

**Unueca internacia abonprezo de K. M. por la 3a kolekto** (10 numeroj) estas **3 svisaj (oraj frankoj)** Abonintoj el malbonvalutaj ŝtatoj, kiuj **fakte** ne povas pagi tiun sumon, **povas** havi konvenan **rabaton** laŭ sekvonta modelo. Do abonprezo minimuma estas:

**Bonvalutaj ŝtatoj:** 3 oraj frankoj, ekz. Svislando, Anglio, Hispanio, Danio 3 fr.; ŝl.; pes.; kr.; Nederlando 1.50 fl.; Usono —.60 d.

**Mezvalutaj ŝtatoj:** ĝis 50% rabato; ekz. Francio 5 fr.; Italio 6 l.; Litovio 4 l.; Ĉeĥosl. 10 ĉ Kr.

**Malaltvalutaj landoj:** ĝis 66% rabato ekz. Jugoslavio 15 din.; Bulgario 20 l.; Rumanio 30 l.

**Plej malaltvalutaj ŝtatoj:** provizore ĝis 75% rabato ekz. Aŭstrio 10.000 aŭ. Kr.; Hungario 4000 hg. Kr.; por **Polio** ni provizore nur akceptas **duonkolekton** kun prezo de 5000 aŭ. kr. Ĉiuj ŝtatanoj de tiu kvara klaso povas enpagi ankaŭ en aŭstraj kronoj (10.000 por kolekto).

Oni pagu ĉe niaj poŝtkontoj aŭ naciaj abonejoj. Por ŝtatoj, kie ne ekzistas malgranda papermono, oni pagu samvaloran sumon en alia konstanta valuto. Kie nacia abonejo au poŝtkonto ne ekzistas, oni pagu senpere per enskribita letero al Katolika Mondo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrio.

**Nur abonintoj el Aŭstrio kaj Germanio povas senpere aboni per la poŝto.**



Posedanto, Eldonejo: Paŭlus-eldonejo (Ika), Graz, Karmeliterplatz 5. — Responda redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz, Karmeliterplatz 5. — Presistejo: „Styria", Graz.